# PENSEO

N-ro 265

nov. / 2013

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 24-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### ŝancoj

aĉetinte aviadileton,
mi ne povis trovi la ĉielon por flugado.
post kiam el ĝi mi faris aŭton,
la vojo al la hejmo estis jam perdita.



### pento kaj konsolo

ekscitante instinktajn rebatojn,
homoj gajnas oron kaj honoron sangodrinkan.
danke al morbo konscienco estas ekvekita;
venas konsolo nur de la vundita bovo.



### en nigra nebulo

en nigra nebulo mi remadas ĉe feino.
ni babilas esperante pri akvo kaj lakto.
leviĝas vento kaj sunlumo vaporigaj;
papago balbutas al mi anglalingve sur dezerto.

### hejmo en fora angulo

ratoj kaj serpentoj ŝtele hantas
la neston de birdo lukranta panpecojn,
kaj tiujn manĝante la edzino kun la ido
ne povas ne nutri katon kaj luphundon
aĉetante fiŝojn.



## Paŭlo Silas (Brazilo)



### NE ĈIAM ESTIS TIEL

Nordorientaj grizaj arbaroj.
Akvo soifon ne finos dum vintro.
Salon de oceanoj kaj maroj
Portis antaŭa planeda aranĝo.
Eta malsata lacerto pri into
Pensas nenion, nur pensas pri manĝo.

Maroj forlasis tiun mondparton,
Lasis la grundo sekiĝi sub suno.
Lagoj ekvaporiĝis pro l' ardo.
Restas la seka ebena dezerto,
Disaj montaroj kaj blankaj saldunoj.
Ankaŭ kreskaĵoj aperas kun verdo.

Donas atestojn propraj restaĵoj.
Fiŝoj kaj floroj, en ŝtonoj, gardataj.
Ostoj de dinosaŭr' en grundkaĝoj
Diras, ke ĉio ŝanĝiĝas eterne;
Diras, ke tempoj ja estas ne lastaj;

Diras, ke movo nun bolas enkerne.



## Mori (Usono)



### Deveno de homo

Dio unue volis ke Lupo
estu homo
kaj vivu kiel homo
en bela domo...
sed lupo rifuzis
kaj diris; Ne , dankon ,
mi ne kapablas esti tiel kruela
Kiel homo!
La amasmurdisto
Torturisto,...

Dio do turnis sin al Vulpo
Kaj vulpo ankaŭ rifuzis kaj diris;
Ne dankon,
Mi ne povas esti
ruza politikisto, ...
Nek fripona komercisto
Ĉar mi ne estas tiel ruza
kiel homo!

Dio do turnis sin al Azeno
Azeno ankaŭ rifuzinte firis;
Ne dankon, mi ne estas tiel stulta
kiel pigra homo
Kiu ripetas siajn erarojn
milmil fojojn
Kaj kredas je stultaĵoj...!

Kaj tiam Dio kreis homon
Pli kruela ol lupo
Pli ruza ol vulpo
Kaj pli stulta ol azeno!
*
Tiel rakontas najtingalo
en nia ĝardeno
Pri la homa deveno!

## Helena Tylipska (Italujo)



### Estas silento...

Dediĉita al Jakvo

Apenaŭ perceptebla flustrado
de folioj kaj vento
Seka branĉo rompita
sub paŝoj en arbaro
Trankvila maro vespera
ĉe la stranda sablo
La rana koncerto
en apuda rojo
La sunturniĝado
je matena horo
Ĉi nepriskribebla
susuro de la tero
Kaj ĉiuj aliaj silentoj
sen koni la originon…

Kiom da sonoj por aŭskulti
la koncerton de l’ silento.

## Leiela (Meksikio)



### Mia Prozo

Mia prozo estas libera,
pli ol mi...
miaj penikoj estas liberaj,
pli ol mi...

mia mondo estas libera...

miaj sensoj...
ankaŭ...

kaj kaptas la kolorojn,
teksturojn, odorojn, gustojn...

mia menso estas tre libera,
ribelema, furioza !
mia animo estas...
mia animo estas...

mia animo...
ĉu libera ?
iomete; eble...

la dalio estas la sopiro
la tenero...
delikata senkulpo,
la senso de la sentoj,
la bezono de kompreno,
la neglektado al la realeco...

al la utopio...

rifuzi la malĝentilecon,
malakcepto de vulgareco...
de la bestoj...
ĉirkaŭante...

## Dimitrije Janicic (Serbujo)



### HOMO KAJ HUNDO

Mia hundo estas mia atesto
ni estas du finoj de sama ĉeno
por mi li estas amiko ne besto
nin ĝojas ĉiu nia kunveno.

En mi li savanton vidas,
mi pensas ke li estas bela,
li al mi per vosto ridas
certe li estas al mi fidela.

Dum li min montras enspirite
ĝojiga ke ni estas kune,
tra strato kaj parko irante
ni sentas nin fortune.

Lia amikeco ne havas limfoston
li admiras min per rigardo
ridetas gestante per vosto,
li estas nia pli bona gardo.

Homoj rapidas per klinitaj kapoj,
semaforoj senkompate ŝanĝas lumojn,
Suno iras laŭ pratempe difinitaj mapoj
ni kune – faras amikan optimumon.

ni du – homo kaj hundo
piediras kune stratojn kaj parkojn
nia amikeco estas vera abundo
tio estas afero sen rimarkoj.

Verdire, sen li mi estus sola
kaj li sen mi estus perdita
Nia kamaradeco estas al iu drola
sed amikeco nia restas granita.



## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Amo

vi stariĝis
ĉe la fenestro
simile al birdo
jam preta
por suprenflugo
kaj ŝirmas lumon

tra fingroj
trabatis vojon
sola radio

mi skribos per ĝi
vian nomon



### Identigo

homo rigardis
en speguleton
kaj diris al si
nesimila
kaj poste bruligis
cigaron
ekpluvis
kiel tiam vespere
tamen eĉ arboj
jam iĝis aliaj

### Ukrainoj

ni ne bezonas
nian lingvon
por kio al ni
estas necesa
nia historio
kiel estas bone al ni
vivi en nia ŝafejo



## Siv Burell (Svedujo)



### Komuniku pli

Kompreni sin mem
la ŝlosil’ al kompren’
de la tuta homaro.
Troviĝas en la vivrivero
diversaj sortoj sur tero.
Plej gravas sur tero
vortoj en sincero.



## Evandro Caboclo (Brazilo)

### Mahatma Gandhi

(akrostiko)

Martiro ja plej granda,
Animo plena je lumo,
Humila en siaj agoj
Afable instruis la veron
Tiel same kiel Jesuo
Misiulo de la Kristo
Admirinda oratoro,
Genio je servo de l’ paco.
Agante altruiste,
Neŭtraligis la malamon.
Dia homo el la steloj,
Hodiaŭ ĉiela loĝanto,
Iluminita saĝulo.



## Joan Baptista Humet(1950-2008)



# Vi nur ridetas

Mi pagis ja per du jaroj,
dum kiuj mi vivis nur
el via foto kaj strebo al novaj tagoj.
Leteroj viaj odoris
je amo kaj liber'
kaj helpis min ne angori
en tiu ejo de malesper'.

Vi nur ridetas
kaj viaj lipoj similas mevon.
Vi nur ridetas
kaj via lito iĝas edeno.
Ĉe via sino
mildiĝas mia sufero,
mi petas rajton al vivo
kaj espero.

Per mia ombra paseo
la mondo nutras sin plu
kaj hantas min kun insido de araneo.
Malice oni mienas,
minacas kun obstin':
al plebo vi apartenas,
eĉ se vi fuĝos, ni trovos vin.

Vi nur ridetas
kaj viaj lipoj similas mevon.
Vi nur ridetas
kaj via lito iĝas edeno.
Ĉe via sino
mildiĝas mia sufero,
mi petas rajton al vivo
kaj espero.

Ja panjo scias nenion
kaj paĉjo fajfas pri mi
dum en la varmo matena mi sentas
fridon.
Malfide gvatas la mondo,
senhejme vagas mi,
se nun vi fermus la pordon
mi ne kapablus elteni pli

Vi nur ridetas
kaj viaj lipoj similas mevon.
Vi nur ridetas
kaj via lito iĝas edeno.
Ĉe via sino
mildiĝas mia sufero,
mi petas rajton al vivo
kaj espero.

*Esperantigis*



**Svena Dun (Hispajuno)**

## Barbara

# Petro

La pluv'
La pluv'
Sur langvoraj la ĝarden'
Sur la rozoj al nokt' en,
Pluvas larmoj el pluv',
La pluv',
kaj plaŭdeton aŭdas mi
El la pleniĝanta basen',
Ho Dio! kiom da belec'
El l' pluv',

Kiam Petro estos reheime,
Mi diru,
Ke l' tegment' de l'remizo
likas,
El l' arbaret' li revenu,
ĉar ekmalvarmiĝas
ĉi tie,
Ho, Petr',
Mia petr'!

Sur la dormanta kampar',
Silento, kaj ek: krio,
Nenio grava: noktobird'
Fuĝa,
Kia belo ĉe tiu duonlum',
ĉiel, fajr', kaj la malhel'
ŝtelsoviĝas sen bru',
al mi,

Pri fortranĉita fojno
Odoras la malseka grundo
Laŭ l'aleo alveturas aŭto,
'stas li !

Ho, petr',
Petro . . .

(1964)

*Esperantigis*



**R. Plateau (Francujo)**

## Yu Guangzhong (Ĉinujo) (1928-)



# Kvar Specoj de Amikoj

En sia vivo oni ne certe havas edzinon aŭ edzon laŭ destino, sed absolute ne devas malhavi amikojn. Eĉ Robinson, kiu vivas sur dezerta insulo, ankaŭ bezonas iun"Vendreso". Homo ne povas elekti siajn gepatrojn, tamen, escepte de Robinson, ĉiu povas elekti siajn geamikojn. Laŭ-rezone, io kiun vi mem elektis, nature konformas al via idealo. Sed fakto ne estas tia. Dum vi elektas aliajn, la alia homo ankaŭ elektas vin. Esti elektita tio estas ia honoro, sed ne certe ia ĝojo. Multaj venas premi la sonorilon de via pordo. Sed kiel eblas ke ĉiu venanto donas al vi "eksteratendan ĝojon"? Ĝeneraldire, la alvenantoj premantaj sonorilon de via pordo apartenas al subaj kvar specoj:

Unua speco: altranga kaj interesa. Kvankam tia amiko konnformas al via idealo, tamen ili estas nur renkontebla sed ne trovebla. En la mondo estas multe da altrangaj homoj, ankaŭ multe da interesaj homoj, sed tre tre malmulta estas homo samtempe kaj altranga kaj interesa. Altranga homo vekas estimon. Interesa homo plaĉas. Homo kaj altranga kaj interesa vekas respekton, ne fortimigas. Vi volas intimiĝi al li sen malestimo. Ju pli longtempa estas via interkontakto, des pli densa estas la bonodoro. Tio similas al freŝaj fruktoj, ne nur estas dolĉa kaj bongusta, sed ankaŭ riĉa je nutraĵoj. Unu ago ja kun pluraj utiloj. Amiko estas via propra spegulo. Homo, se li havas tian amikon, li mem certe estas ne malpli inda. Rigardu al s-ro Su Dongpo, kie ajn li alvenas, ĉu aperis uloj trivialaj kaj seninteresa en rondo de liaj amikoj?

Dua speco: Altranga sed seninteresa. Tre eble tia homo estas la malkaŝema admonanto laŭ diro de antikvuloj aŭ plie eĉ timinda amiko. Inter amikoj de tia speco, unuaj estas kun abundaj scioj, duaj estas kun nobla personeco, kaj la triaj eble estas "bonkvalitaj kaj je virto kaj je edudicio" same kiel modela lernanto en klaso. Bedaŭrinde mankas al ili iom da humura humoro. Sen vigleco. Vi ofte sentas ke iu el aperturoj sur lia korpo ankoraŭ estas ŝtopita, sekve ne povas esti sufiĉe komprenema pri la reala mondo. Interparolo kun li similas nek al ludi pilkon kun reciproka interŝanĝo de pilksendo, nek al amasigo de neĝbulo farante la interesan aĵon pli kaj pli granda. Tiu aktiva kun supera energio atentas nur pri sia serviro kaj tute ne zorgas ĉu vi kapablas akcepti la sendatan pilkon. Tiu neaktiva agas nur ripozante atendi vian laciĝon, li malofte akceptis unu aŭ du-foje la pildon senditan de vi. Ĉiuokaze, ĉu la rivalo estas aktiva aŭ neaktiva, vi ĉiam devas manlevi la falintan pilkon. Se vi ne levas la pilkon, la ludo ne povas daŭri. La bedaŭro el tia timinda amiko estas ke li havas tro

malvastan interesiĝon, tial la "kontaktkampo"kun vi ne povas plivastiĝi. La mondo estas tiel granda. Li iras de la sudo de nia urbo al la nordo de la urbo viziti vin, nur kun la celo diskuti kun vi pri la problemo"la speciala signifo de la Morto en la modernaj noveloj de Francio". Estas facile supozeble, kiel vi iĝos laca post senĉesa pilkolevo dum tuta nokto por tia timinda amiko. Tia amikeco iom similas al preno de medikamento, kun iom tro da amaro.

Tria speco: Malaltranga (triviala) kaj interesa. Amikoj de tiu speco havas plej grandan valoron de amuzo. En okazo diri humuraĵojn, liaj estas plej erotikaj. Diri rakontojn, liaj estas plej versimilaj. Li havas plej rapidan informon, plej vastan reton de homaj rilatoj. Ĉiun bonan lokon li ja(m) vizitis. Ĉiun malbonan fi-ideon li jam (iam) elfaris. Pri ĉia temo en la mondo li povas daŭrigi en babilado. Kiel li sukcesus daŭrigi? Nenecesas ke vi zorgu pri tio. Lia ĉiom da erudicio estas eviti ke laikoj rimarkas lian parolon senklera. Rilate al ekspertoj? Kiom da ekspertoj finfine troviĝas en la mondo? Tial li povas rondiri de unu al aliaj salonoj restoracioj sen malkaŝi siajn malfortaĵojn. Tia homo plej lertas paroli. Se ni havas lin ĉe manĝotablo, certe ĝojos kaj gastiganto kaj la gastoj. La bela vino kiun ĉiuj drinkis ne efikas tiom"ĝiskore rava"ol la belaj vortoj aŭditaj de lia parolo. Se ni havas lin en kunveno, kiom ajn vanta kunveno montriĝas kun prava temo kaj riĉa enhavo, do la kunveno okazis ne vane. Se ni diras ke amiko de la dua speco posedas ĉiom da scioj de la mondo escepte nur de komuna saĝo, do, amiko de la tria speco ĝuste estas en mala situacio: li posedas ĉiom da komuna saĝo de la mondo escepte nur de scioj. Laŭrezone, homo malaltranga sed interesa, ĉu tiu ne estas kun trivialaj gustoj. Vi povas amike amuzi kune kun li, ĉu vi ne ankaŭ estas kun trivialaj gustoj? Tamen, homeco estas vasta. Kiu kuraĝas aserti ke li havas neniom da tia elemento? Se vi iĝis Robinson, ĉu vi volas elekti el la dua aŭ la tria speco iun kiel vian "Vendredo"n？

Kvara speco: Malaltranga kaj seninteresa. Same raras kiel la unua speco. Probablo or lia apero tre maloftas. Nature, homo de tiu speco havas sian normon de valoroj. Li ne nur ne volas konfesi sin triviala kaj seninteresa; male, li rigardas sin kaj altranga kaj interesa. Alie, mi ne volas ĝoji kune kun li.

*Elĉinigis*



**Guozhu (Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Tristo de birdoj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Sur ĉiel'
flugas birda ar'
migre de frosta nordo
por travintra nestprepar'
en suda arbar'.

Renkonte
nigreca nebul'
ilin trafas subite
kiel omena gratul'
en aera lul'.

Barakte
kun energio
ili elsturmas fine
tra fuma emisio
de industrio.

Pli foren
por komforta lok'
ili flugas per serĉo,
sed ĉe inta nesta rok'
jam staras domblok'.

La rojo
kun akvo pura
plenas je nigraj fluoj.
Ne plu trinakv' sekura
Nek viv' plezura.

La kopso
malaperis jen
pro urba domkonstruad'
je ilia trista splen'—
kora malseren'.

Konstrui
neston sur tegment'
ne konvenas nek taŭgas
pro maliceta frenkvent'
de buba taĉment'.

Kie do
ilia nesto
devas kuŝi trankvile
sekure en kunesto
kontraŭ infesto?



## Jadranka Miric (Serbujo)



### Miholja somero

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Miholjtag'
aŭtuno bena.
Subita veterŝanĝo
varma kaj pluvoplena
iĝis serena.

Ekflirtis
sekaj folioj
ventofunebra danco…
Falis teren folioj .
Putris tilioj.

Fontano,
jen,vaporiĝis.
La pluvgutoj ariĝis.
Surface tuj grandiĝis.
Brile ondiĝis.

Noktiĝis.
Birdopepado.
Aŭdiĝis altaj sonoj.
Kaj ĥorusa kantado.
Lunaperado.

Nova tag'.
Bluis ĉielo.
En bestokavo melo.
Ĉe ni, el plena kelo
dolĉa mielo…



*Miholjtago laŭ ortodoksa kalendaro okazas ĉiam la 12an de oktobro — oni alnomis la tagojn ĝis 12a de oktobro miholja somero*

### La lasta saluto

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
Jovanka,
ja,vera rozo.
Nigrohara belulin'.
Batalanto sen pozo.
Nun en ripozo.

Luktanto,
ekde juneco.
Fortulino el Lika.
Kredis en humaneco
kaj diverseco.

Vi kaj Tito
kontraŭ faŝistoj.
Kaj misio alloga
vi iĝis pacforĝistoj ,
socialistoj.

Slavaro!
Hej, jubilis vi,
iĝis jugoslavio.
“Unuiĝu. Venkos ni”.
Forgesis ili.

Alvenis
nova miljaro
venis tempo de ŝparo…
Adiaŭ inda paro!
De amikaro.



*Klarigoj:*

*1. Lika regiono en kroatio kie loĝis plimulto de serboj denaskaj en kroatio*

*2. Jovanka Budisavljeviĉ Broz, la vidvino de Josip Broz Tito, kune fariĝis simboloj de libero, socialismo kaj batalantoj kontraŭ nazismo kaj faŝistoj.*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Lily (Ĉinujo)

### Inter miaj femuroj

—laŭ ĉinesko Shengshengman*

Mia viro
jen karesas
je lia deziro
mian molan subon
por eniro
per siaj fingrumoj.
Mi ĝuas
kun ĝemdiro
“mi volas,
fiku min”
kvazaŭ en deliro.

Kun anhela spiro
disigas
li per puŝa tiro
miajn gambojn
por plua akiro.
Ja volupto venas.
Lia kac’—
karn-rapiro
eniras
kun dolĉa eliksiro.

**Shengshengman (Lanta sontreniĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 10 versoj respektive de 4,46,64,634,336 / 6,36,46,634,37 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xa (x = senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



### LETERO TROVITA SUR DRONINTO

Vi min demandas, sinjorino, ĉu mi mokas vin ? Vi ne povas kredi, ke neniam viro ne estis trafita de amo, ĉu ? Nu ! Ne... Neniam mi amis, neniam !

Kial ? Mi tute ne scias. Neniam mi troviĝis en tiu speco de korebrieco, kiu oni nomiĝas Amo… Neniam mi vivis en tiu revo, tiu ekzaltiĝo, tiu frenezo, en kiu la bildo de virino ĵetas nin. Neniam mi estis turmentita, obsedita, febrigita, enparadizita pro la atento

aŭ la posedo de estaĵo fariĝinta subite por mi pli dezirebla ol ĉiuj feliĉoj, pli bela ol ĉiuj kreitaĵoj, pli grava ol ĉiuj universoj… Neniam mi ploris, neniam mi suferis pro unu el vi. Neniam mi pasigis noktojn kun la okuloj malfermitaj, pensante pri ŝi. Mi ne konas la vekiĝojn, kiujn iluminas ŝia penso kaj ŝia memoro. Mi ne konas la frenezigan nervozecon de la espero, kiam ŝi estas alvenonta, kaj la dian melankolion de la bedaŭro, kiam ŝi foriris lasante en la dormoĉambro delikatan odoron de violo kaj karno.

Neniam mi amis.

Ofte ankaŭ mi demandis al mi kial tio. Kaj vere mi ne tro scias. Tamen mi trovis kialojn, sed ili tuŝas la metafizikon, kaj eble vi tute ne ŝatos ilin.

Mi kredas, ke mi tro prijuĝas la virinojn por multe suferi pro ilia ĉarmo. Mi pardonpetas pro tiu parolo. Mi tuj klarigas ĝin. Estas en ĉiu kreitaĵo la morala estaĵo kaj la fizika. Por ami, necesus al mi, ke mi renkontu inter tiuj ambaŭ estaĵoj harmonion, kiun mi neniam trovis. Ĉiam unu el ambaŭ tro superfortas la alian, jen la moralo, jen la fiziko.

La inteligenteco, kiun ni rajtas postuli de virino, por ke ni amu ŝin, tute ne similas viran inteligentecon. Samtempe tio estas pli kaj malpli. Necesas, ke virino havu malfermitan, delikatan, senteman, subtilan, impreseblan spiriton. Ŝi bezonas nek potencon, nek iniciatemon en la penso, sed necesas, ke ŝi havu bonkorecon, elegantecon, tenerecon, koketecon, kaj tiun kapablecon de asimilado, kiu igas ŝin post nelonge simila al tiu, kiu vivas kun ŝi. Ŝia plej granda kvalito devas esti la takto, tiu subtila senso, kiu estas por la spirito tiu, kiu estas la tuŝo por la korpo. Ĝi revelas mil etajn aĵojn, la konturojn, la angulojn kaj la formojn en la mensa ordo.

Plejofte la belaj virinoj tute ne havas inteligentecon rilate kun sia persono. Nu, la plej malgranda malperfekteco de akordo trafas kaj vundas min ekde la unua frapo. Pri amikeco, tio ne gravas. Amikeco estas pakto, en kiu ni partigas la mankojn kaj la kvalitojn. Ni povas taksi amikon kaj amikinon, ilian bonon konsideri, ilian malbonon neglekti, ilian meriton ekzakte juĝi, kaj samtempe sin allasi al intima, profunda kaj ĉarma simpatio.

Por ami necesas esti blinda, sin doni komplete, nenion vidi, nenion rezoni, nenion kompreni. Necesas povi adori la mankojn tiom, kiom la virtojn, rezigni ĉian juĝon, ĉian pripenson, ĉian sagacecon.

Pri tia bildeco mi estas nekapabla, kaj ribelema al la nevola allogo.

Tio ne estas la tuto. Mi havas pri harmonio ideon tiom altan kaj subtilan, ke nenio iam povos realigi mian idealon. Sendube vi tuj taksos min kiel frenezulo… Aŭskultu min. Laŭ mia opinio, virino povas havi ravan animon kaj ĉarman korpon, sen ke tiu korpo kaj tiu animo perfekte plenakordas kune. Mi volas diri, ke la homoj kiuj havas nazon el tia formo, ne devas pensi laŭ certa maniero. La grasuloj ne rajtas uzi la samajn vortojn kaj la samajn frazojn kiel la malgrasuloj. Vi, sinjorino, kiu havas bluajn okulojn ne povas antaŭvidi la ekzistadon, prijuĝi la aferojn kaj la okazaĵojn, kvazaŭ vi havus nigrajn okulojn. La nuancoj de via rigardo devas nepre kongrui kun la nuancoj de via penso. Por tion senti, mi havas ĉashundan antaŭflaron. Ridu se vi volas, sed estas tiel.

Tamen mi kredis ami dum unu horo, unu tago. Mi naive suferis la influon de la ĉirkaŭaj cirkonstancoj. Mi lasis min ĉarmi per la miraĝo de iu aŭroro. Ĉu vi volas, ke mi rakontu al vi tiun mallongan historion ?

Iun vesperon, mi renkontis belan etan ekzaltitan junulinon, kiu volis pro poezia fantazio, tranokti kun mi en ŝipo sur rivero. Mi preferintus dormoĉambron kaj liton - tamen mi akceptis la riveron kaj la boaton.

Tio okazis iun junian monaton. Mia amikino elektis plenlunan nokton por povi plibone ekzaltiĝi.

Ni vespermanĝis en gastejo apud la riverbordo, poste ĉirkaŭ la deka ni enŝipiĝis. Mi trovis la aventuron sufiĉe stulta, sed ĉar mia kunulino plaĉis al mi, mi ne tro koleris. Mi sidis sur la benketo, vidalvide al ŝi, mi ekprenis la remilojn, kaj ni foriris.

Mi ne povus diri, ke la spektaklo ne estis ĉarma. Ni laŭiris arbaran insulon, loĝata de najtingaloj, kaj la fluo rapide forportis nin sur la riveron kovritan de arĝentaj tremetoj. La bufoj eligis siajn monotonajn kaj klarajn kriojn. La ranoj kriadis en la herboj de la riverbordoj, kaj la glitado de la akvo, kiu fluis ĉirkaŭ ni, igis specon de konfuza bruo, preskaŭ neperceptebla, maltrankviliganta, kaj donis al ni svagan senton de mistera timo.

La ĉarma mildeco de la varmetaj noktoj kaj la brilaj riveroj sub la luno enigis en nin. Estis bone vivi kaj flirti tiamaniere, revi kaj senti apud si junan virinon, kortuŝan kaj belan.

Mi estis iom emociita, iom konfuzita, iom ebrieta pro la hela vespera klareco, kaj la penso de mia najbarino.

"Sidiĝu apud mi", ŝi diris. Mi obeis. Ŝi reparolis : "Diru al mi versojn." Mi trovis, ke ŝi troigis. Mi malakceptis, sed ŝi insistis. Sed evidente, ŝi volis la grandan logan ludon, la tutan orkestron de la sento, de la Luno ĝis la Rimo. Fine mi cedis kaj recitis, por ŝin moki, ĝuoplenan teatraĵon de Louis Bouilhet [***Luizo Buile***], kies jen la lastaj strofoj :

*Mi precipe abomenas tiun bardon*
*Por kiu, malplena la naturo estus*
*Dum li rigardas stelon zumante nomon,*
*Se Luizan postsele li ne kunportus.*
*Kiom ili penas tiujn ĉarmajn homojn*
*Por ke oni rigardu al la kosmego,*
*Alligante al la arboj la subjupojn*
*Kaj blankajn kufojn al la verda montego.*
*Vere ili ne aŭdis la dimuzikojn,*
*La tremetantajn voĉojn de la naturo*
*La soluloj trairante la ravinojn*
*Revante pri virin' aŭ arbara bruo…*

Mi atendis riproĉojn, sed tute ne. Ŝi murmuris : "Kiom tio estas vera !" Mi restadis konsternita. Ĉu ŝi komprenis ?

Nia boato, iom post iom, alproksimiĝis al la riverbordo, kaj enŝoviĝis sub salikon, kiu haltis ĝin. Mi ĉirkaŭbrakis la talion de mia kompanino, kaj tute malrapide mi proksimigis miajn lipojn al ŝia kolo. Sed ŝi forpuŝis min per abrupta movo, kaj incitata diris : "Ĉesu do ! Ĉu vi estus maldelikata ?"

Mi provis altiri ŝin. Ŝi baraktis, ekkaptis la arbon kaj preskaŭ ĵetis nin en la akvon. Mi opiniis, ke estus singardeme, ke mi ĉesu miajn amindumaĵojn. Ŝi diris :

- Mi plivole renversigos la ŝipon. Mi sentas min tiel bone. Mi revas. Tio estas tiom bona."

Poste ŝi aldonis kun petoleca akcento :

- Ĉu vi jam forgesis la versojn, kiujn vi ĵus recitis ?" Estis ĝuste. Mi silentis.

Ŝi reparolis :

- "Ek ! Remu !" Kaj denove mi reprenis la remilojn. Mi komencis trovi longdaŭra la nokton kaj ridinda mian konduton. Mia kunulino demandis al mi :

- Ĉu vi volas fari al mi promeson ?

- Jes. Kiu ?

- Tiu restadi trankvila, morkonforma kaj diskreta se mi permesos al vi…

- Kion ? Diru.

- Jen. Mi volus restadi kuŝanta surdorse, funde de la boato apud vi, rigardante la stelojn.

Mi ekkris : "Mi konsentas."

Ŝi reparolis :

- Vi ne bone komprenas min. Ni tuj kuŝiĝos flankon ĉe flanko. Sed mi malpermesas al vi, ke vi tuŝu min, kisu min, fine ke… ke vi… min… karesu..

Mi promesis. Ŝi anoncis : "Se vi moviĝos, mi renversigos la boaton."

Jen ni estis kuŝintaj flankon ĉe flanko, rigardante al la ĉielo, drivante laŭflue. La svagaj movoj de la boato lulis nin. Nun, pli distingeblaj, la leĝeraj bruoj de la nokto alvenis al ni en la fundo de la boato, iafoje ili ektremigis nin. Mi sentis kreski en mi strangan kaj korpreman emocion, senliman kormoliĝon, ion kvazaŭ bezonon malfermi miajn brakojn por brakumi kaj malfermi mian koron por ami, doni min, doni miajn pensojn, mian korpon, mian vivon, mian tutan estaĵon al iu…

Mia kompanino murmuris, kvazaŭ en sonĝo :

- "Kie ni estas ? Kien ni iras ? Ŝajnas al mi, ke mi deiras la teron ! Kiom tio estas milda ! Ho ! Se vi amus min… iom !!!"

Mia koro ekbatis. Mi ne povis respondi, ŝajnis al mi, ke mi amis ŝin. Mi havis plu nenian violentan deziron. Tiel apud ŝi mi komforte estis, kaj tio sufiĉis al mi.

Ni restadis longe, longtempe ne moviĝante. Ni ekprenis la manon unu la alian, agrablega forto senmovigis nin : nekonata, supera forto, ĉasta, intima absoluta Alianco de du najbaraj estaĵoj, kiuj sin apartenis reciproke sed ne sin tuŝis unu la alian… Kio estis tio ? Ĉu tion mi scias ? La Amo, eble ?

Iom post iom tagiĝis. Estis la tria matene. Malrapide granda heleco envadis la ĉielon. La boato frapis ion. Mi ekstarigis, ni ĵus albordiĝis al insuleto.

Sed mi restadis ĉarmegita, en ekstaza feliĉego. Kontraŭrigarde al ni la tuta vasteco de la firmamento iluminiĝis ruĝa, roza, viola, punktadita de flamigitaj nuboj similaj al oraj fumoj. La rivero estis purpura, kaj sur altaĵo tri domoj ŝajnis bruli.

Mi kliniĝis super mia kunulino. Mi estis dironta al ŝi : "Rigardu do". Sed, konfuzegita, mi silentis, tiam mi vidis plu nur ŝin. Ŝi ankaŭ estis roza, el karna rozo, sur kiu fluintus iom de la ĉiela koloro. Ŝiaj haroj estis rozaj, ŝiaj okuloj rozaj, ŝiaj dentoj rozaj, ŝia robo, ŝiaj puntoj, ŝia rideto, ĉio estis roza. Tiam mi vere kredis, tiom mi estis frenezigita, ke mi havis aŭroron antaŭ mi.

Ŝi restariĝis tute malrapide, etendante al mi siajn lipojn, tremetante mi alproksimiĝis al ili, sentante, ke mi tuj kisos la ĉielon, la feliĉon, la revon fariĝinta virino, mi tuj kisos la idealon malsuprenirantan en la homan karnon.

Ŝi diris al mi : "Estas raŭpo en viaj haroj !" Estis pro tio, ke ŝi ridetis…

Ŝajnis al mi, ke mi ĵus ricevis klabfrapon sur la kapon. Subite mi sentis min malgajega, kvazaŭ se mi perdus ĉian esperon en la vivo.
Jen la tuto, sinjorino. Estas infane, naivege, stulte. Sed de tiu tago mi kredas, ke mi neniam amos. Tamen… kiu scias ?

---

La junulo, sur kiu oni retrovis tiun leteron, estis elakvigita hieraŭ el Sejno, inter Bougival [***Buĵival***] kaj Marly [***Marli***]. Komplezema riverŝipisto, kiu priserĉis lin por ekscii lian nomon, alportis tiun paperon.

La 8-an de januaro 1884

*Elfrancigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_